# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

n-ro 009
junio 2008

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007




## Ĉu via esperanto ankoraŭ ne permesas spiti la ventojn per karavela bolinado?

## Do, vi estas barkano!

## Lernu barki... rapide vi karavelos!

La Barko



# La Karavelo n-ro 009 junio 2008



Al blindaj homoj

Bonvole, mesaĝu al lakaravelo@gmail.com por plibonigi la eblecojn de legado de *La Karavelo* far blindaj homoj.

Uzado de tekstoj el *La Karavelo*

Ne uzu tekstojn el *La Karavelo* en alia publikaĵo, sen peti permeson de lakaravelo@gmail.com

Havinte permeson por uzi la tekstojn, ĉiam indiku la fonton.

Ekz.: El la revuo "La Karavelo", n-ro 9, junio 2008, paĝo 5 ĝis 8.

La Barko

La artikoloj enhavantaj ĉi tiun bildon estas la plej facilaj por komencantoj. Uzu ilin por plibonigi vian lingvonivelon, aŭ tiun de viaj lernantoj.




## Kolofono


***Konstantaj verkistoj...***
*Eduardo Novembro*
*Edward Jaśkiewicz*
*Francisco Stefano Wechsler*
*Geraldo Mattos*
*Gerrit Berveling*
*Imre Szabó*
*Irina Mironova*
*João José Santos*
*Leo De Cooman*
*Luiza Carol*
*Nikolaj Neĉaev*
*Paulo Sérgio Viana*
*Roger de Castro Gotardi*
*Tibor J. Szabadi*
*Valentin Melnikov*

**Redaktisto**
*João José Santos*
***Asistanto pri dramo***
*João Pereira dos Santos*
***Reviziistoj***
*Kurt Fischer*
*Luiza Carol*
*Roger de Castro Gotardi*
*Valentin Melnikov*



***Telefono:*** +351 268 919 000
***PoŝTel.:*** +351 960 13 15 15

***Adreso:***
*LA KARAVELO*
Fonte Velha, caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


***Recenzeblaj libroj:*** estu sendotaj al la supra adreso.

***Reguloj:*** Pri la principoj, labormaniero kaj reguloj de La Karavelo, nepre elŝutu la dosieron Regularo de La Karavelo, el la ĉefa paĝo de nia retejo. Ĝi estas konstante aktualigata.

www.esperantopt.com

lakaravelo@gmail.com

# La Barko

**de João José Santos**




***Bildo: Portugala barko en antikva portugala poŝtmarko.***

## EN BARKO KUNPILOTA

*La Karavelo* komencas, en ĉi tiu numero, novan sekcion, kiu nomiĝas *La Barko.*

Kiel literatura revuo, *La Karavelo* ne zorgas pri facileco de siaj artikoloj, kvankam ĝi neniel strebas al intenca malfacileco. La verkoj estas tiaj, kiaj ili estas, kaj do ĉiu el ni, kiel legantoj, devas alkutimiĝi al la diversaj stiloj de la diversaj aŭtoroj, kondiĉe ke la stilo ne estu for de akceptebla esperanto.

*La Barko* estas maniero enklasigi la plej facilajn artikolojn, informante la nespertan leganton, ke tiuj artikoloj estas pli adekvataj al li. Do, la enbarkitaj tekstoj ĝenerale prezentas vortprovizon ne tre erudician, simplan sintakson kaj, se iu vorto malpli ofta aperas, ĝia signifo estas klarigita sube en piednoto. La intenco ne estas prezenti simplajn tekstojn, laŭcele verkitajn por komencantoj, sed profiti normale fluajn tekstojn, por ilin konsili al komencanto. Kompreneble, en ĉi tiu senco, "komencanto" ne estas homo, kiu nun lernas esperanton, sed esperantisto kies esperanto-nivelo ankoraŭ ne eliris el la baza vortprovizo kaj strukturo de nia lingvo.

La lingva kaj socia disvolviĝo de esperanto, evidente, dependas de altiĝo de lingvonivelo de ĝiaj parolantoj, kaj tio enkadriĝas ĝenerale en kultura pliboniĝo de la esperanto-parolantoj. *La Karavelo* jam montris sian kapablon kontribui al tio, per varieco de temoj, per bunteco de stiloj, kaj per verkoj prilaboritaj de responsaj, kleraj kaj mensprofundaj aŭtoroj.

Nun aperas *La Barko,* por ke ankaŭ nespertaj maristoj ne perdu la vojaĝon.

Profitante la okazon, jen kelkaj historiaj linioj, pri la navigilo uzata de la portugaloj, antaŭ ol ili inventis la karavelon: t.e. la barko.

## LA VORTO "BARKO"

"Barko" estas ĝenerala vorto por lignaj akvoveturiloj pli grandaj ol boatoj kaj malpli grandaj ol ŝipoj.

En la portugala lingvo estas du vortoj, kies konceptojn oni devas diferencigi. La portugala vorto "barco" ['barku] rilatas al la esperanta "boato". Krome, "barco" estas tre ĝenerala nomo por marveturiloj. La portugala vorto "barca" ['barka], krom aliaj regionaj signifoj, estas la nomo de la marveturilo, al kiu, en esperanto, oni povas doni la ekzistantan nomon "barko". Kompreneble, povas okazi, kaj tiu probableco estas tre granda, ke japano aŭ finno prezentu artikolon pri la barkoj uzataj de siaj antaŭuloj, kaj plej certe tiuj marveturiloj havas kelkajn similecojn kun la portugala barko, sed ankaŭ kelkajn proprajn ecojn, ĉar ĉiu popolo adaptas la marveturilojn al la marvojo, laŭ siaj necesoj.

Ne eblas, en esperanto aŭ en iu ajn lingvo, havi apartajn nomojn por ĉiuj objektoj de ĉiuj popoloj de la mondo, kaj do la sinonimeco nature altrudiĝas en la lingvon, devigante la uzantojn apartigi la diversajn sencojn laŭ la kunteksto, per la uzo de adjektivoj (portugala barko, norvega barko,...) kaj per aliaj rimedoj. Do, la maraj vojoj ne abundas, sed la lingvaj vojoj estas praktike ne elĉerpeblaj.



Bildo: Portugala barko.



Bildo: Antikva portugala poŝtmarko kun la bildo de Ĝilo Eano.

## LA PORTUGALA BARKO

Antaŭ ol inventi la karavelon, la portugaloj marvojaĝis per simplaj barkoj, ĝenerale kun ununura kvarangula velo. Tiu velo, malgraŭ kvadrata, ankaŭ estis nomata "ronda velo", ĉar ĝi ronde pufis, kiam la vento ĝin blovis. Tiu velo ebligis profiti la tutan forton de la vento, sed eĉ tiel la barko ne estis rapida marveturilo. Ĝi ne permesis facilajn direktoŝanĝojn kaj, per barko, ne eblis vojaĝi kontraŭ la vento. Tamen, ĝi estis fortika, sekura kaj ebligis esplori la nordafrikan marbordon atente kaj pacience. La barko uzita de la portugaloj enhavis unu kovritan ferdekon, kaj unu maston kelkfoje kun kesto en la supro, de kie maristo povus anonci, ĉu io rimarkinda aperus. La pruo kaj la pobo estis pintaj. La rudro estis peza, kaj do poste oni almetis ĉe la pobo etan velon por helpi la manovrojn. La barko estis fortika marveturilo. Malsupre ĝia ŝelo estis glata kaj rezistiva, kapabla elteni koliziojn kontraŭ rokoj kaj veturi sur malprofunda akvo.

En barkoj, la portugaloj vojaĝis norden, tra la anglaj havenoj, al Francio, al Flandrio kaj eble al pli nordaj landoj. Kompreneble, ili navigis ankaŭ en Mediteraneo kaj en la nordafrika marbordo.




Mapo: Kabo Boĝadoro ruĝe signita en la mapo. Ĝilo Eano ĝin trapasis per barko, en 1434, post 13 provoj faritaj de aliaj portugalaj navigistoj.

Precize en unu el tiuj barkoj, en 1434, okazis grava evento en la portugalaj malkovroj: Ĝilo Eano[1] trapasis Kabon Boĝadoron[2]. Nur post 13 provoj, la portugaloj sukcesis trapasi tiun kabon. La 29-an poemon de *Mesaĝo* Fernando Pesoo dediĉis al Ĝilo Eano. Ĝia traduko aperos en la numero 10 de La Karavelo, laŭ la antaŭvidita tradukplano.

1 Portugale: "Gil Eanes" ['ĵil 'janes].
2 Portugale: "Cabo Bojador" ['kabu buĵa'dor].

*El la portugala muzo...*

# Mesaĝo

**de Fernando Pesoo**

***trad. João José Santos, el la portugala***

## 6. LA KOLUMBOJ[1]

Onte aliuloj havos
kion estos ni perdintaj.
Eble aliuloj trovos
kio, en malkovroj niaj,
stis aŭ ne stis malkovrita,
laŭ destino la donita.

Sed kio ne ilin tuŝas,
stas Magi' al For', vokanta,
kiu histori' estiĝas.
Kaj tial, ilia gloro
aŭreol' stas justdonita
far prunte prenita lumo.

## 7. OKCIDENTO[2]

Per la du manoj – Ago kaj Destino –
malkaŝis ni. Samgeste, al ĉielo
starigas unu dian torĉon treman,
l' alia senvualigas.

Ĉu stis la inta horo, ĉu la onta,
la man' al Okcident' vualon ŝiris,
anim' stis la Scienc', korp' la kuraĝo
de la malkaŝa mano.

Ĉu Volo, ĉu Hazardo, ĉu Tempesto[3]
la man' levinta la lumigan torĉon?
L' anim' stis Di', la korp' Portugalio
de l ' mano ĝin gvidinta.

1 Aludo al la navigisto Kristoforo Kolumbo, kiu malkovris Amerikon en 1492. Lia nacieco kaj origino ankoraŭ estas vualitaj en mistero, laŭ multaj historiistoj.

2 La temo estas la malkovro de la okcidento, ĉefe de Brazilo.

3 Ĉi tiu verso sintezas la tri teoriojn, kiuj strebas klarigi la motivon, pro kiu Pedro Alvaro Kabralo (portugale: Pedro Álvares Cabral), en 1500, malkovris Brazilon: **a.** "Volo" - eble la portugaloj jam sciis pri la ekzisto de tiu teritorio kaj do planis ĝian okupon; **b.** "Hazardo" - eble la malatento de la portugalaj navigistoj ĝin trovis; **c.** "Tempesto" - eble tempesto devojigis Kabralon for de la marvojo al Hindio, lia ŝajna vojaĝo-celo. La tri vortoj, kiuj simbolas la tri teoriojn, estas majuskle skribitaj, ĉar, kiel diras la poemo, iel ajn, tie estis la mano de Dio.



***Bildo: Fernão de Magalhães (Portugalio 1480 - Filipino 1521)***

## 8. FERNANO DE MAGALJANO[4]

En valo ekklariĝas la fajrejo.
La tutan teron danco vibre skuas.
Kaj ombroj dismalordaj kaj misformaj
el la val' en ekflamoj nigraj iras,
subite al deklivoj iĝas disaj,
ĝis ili forperdiĝas en mallumon.

Kiuj dancas la nokton terurante?
Stas la Titanoj, la filoj el l' Tero.
Ili dancas pri l' morto de l' maristo,
kiun la teran panjon volis zoni.
Li el homar' l' unua tion faris,
kaj nun sepulta stas en fora plaĝo.

Ili dancas senscie, ke l' animo
de l' kuraĝulo plu gvidas l' armeon,
senkorpa pulso ĉe l' rudro gvidanta
la navojn en la kroman spacan foron:
eĉ malestanta, li sciis ĉirkaŭi
la tutan teron per sia brakumo.

Li perfortis la Teron. Sed ne scias
pri tio ili, kaj dancas solece;
Kaj ombroj dismalordaj kaj misformaj,
kiuj en horizontojn forperdiĝos,
disgrimpas el la val' al la deklivoj
de l' mutaj montoj.

4 Esperantigo de la nomo de la portugala navigisto "Fernão de Magalhães", kiu la unua ĉirkaŭiris la Teron tra la maro, subtenata de la hispana reĝo. Li mem mortis en batalo, en 1521, en la insularo Filipino. La vojaĝo finiĝis sub la komando de aliaj navigistoj.


Foto de João José Santos

de João José Santos

## Orfoj de Dio

**Amiko ateisto, kara mia!**
**Vi, kiu ne l' eternan Dion trovas,**
**kun mi, kiun la pens' pridia blovas,**
**kunpaŝas en vivpad' samreligia.**

**Vi zorgas, humanisma ateisto,**
**pri bono kaj tolero kaj kulturo,**
**kaj pri forfalo de l' prilingva muro,**
**mi same, spiritisma humanisto.**

**Vi preĝas per porpaca penlaboro,**
**komprenas l' Eternulo vian preĝon**
**en agoj viaj el am' kaj fervoro.**

**Al tiu religi' la Hom' sin movos:**
**"la proksimulon kiel sin mem ami."**
**La vanton, la ceteron, vent' forblovos.**

**NOTO PRI LA SONETO *Orfoj de Dio***

**Pensis mi teksi pensfadenon por kunligi, en perspektivo de tutmonda humanismo, la dikredantojn kun la ateistoj.**

**Tamen, iel, mi ne scias kiel, ekaperis facile ĉi soneto en mia menso, kaj mi ekprilaboris ĝin. La aferoj pli ligitaj al la sento fluas pli glite en poemo ol en argumentaro, kiu ĉiam implicas kontraŭ-argumentojn.**

**Ĉi poemon mi dediĉas al mia amiko Eduardo Novembro, ununura rimarkinda portugalia kunlaboranto de La Karavelo.**

**Mi deziras, ke li retrovu Dion, La Patro de ĉiuj homoj, eĉ de tiuj, kiuj sin sentas *Orfoj de Dio.***

***[Foto de JJS: En la fono "Praia das Avencas", proksime de Lisbono]***


Foto de Gerrit Berveling.

# Printempa kanto

***de anonima poetino (11-a jc.) el Canterbury***

***trad. Gerrit Berveling, el la latina***

Leviĝas softe la Zefir',
jam varmas suno ĉe l' ekir';
malfermas sinon jen la ter',
la dolĉon montras kun fier'.

Printemp' purpura iras el, -
sin riĉe vestas, laŭ nobel':
priverŝas grundon per florar',
folie pompas la arbar'.

Kuŝejon havas ĉiu best',
jen sidas bird' en dolĉa nest';
kaj meze de ĉi florabund'
ja sonas ĝoja kant-inund'.

Okule dum ĉi vidas mi,
orele dum ĉi aŭdas mi,
ve, malgraŭ tuta tiu ĝoj'
interne sentas mi nur: Oj!

Mi sola sidas tie ĉi,
en primedita apati',
se foje kapon levas mi,
nek aŭdas ĝin nek vidas mi.

Printemp' gracia, aŭdu vi
almenaŭ, kaj atentu pri
kreskaĵoj, floroj kaj herbej';
anime mi langvoras plej.


Foto de Nikolaj Neĉaev.

***de Nikolaj Neĉaev***

## Floroj

Galanto ne plu vivas, floras,
Junaĝo ĝia efemeras
Sed novaj floroj ekmaĵoras,
Florantaj vivoj ekaperas.

Apartaj vivoj velkas, mortas
Sed floras jungeneracioj
Kaj mia vers' kun ĝoj' raportas
Pri jun' ĉiama en varioj.

## Junia pluvo

Dum lastaj tagoj ardis suno,
Soifis mond' sub lafa puno.
Sed nokte venis liberigo:
Per ŝtorm' rompita estis digo
De altaj nuboj kaj diluvo
Dronigis mondon. Eĉ nun pluvo
Pluigas soni, guti, flui
Kaj melodie min influi.


***"Printempo" de Monet (1886)***
***Olepentraĵo de la ĝardeno de Monet, en Giverny.***

*Hungario bukedas...*



Foto de Tibor J. Szabadi.

**trad. Tibor J. Szabadi**

# La sovaĝuleto[1]

**de József Polgár[2]**

**József Polgár**

estas dentkuracestro en Hungario. Ĝis nun estis eldonataj kvar novellibroj el lia plumo. En multaj hungaraj eldonaĵoj aperis liaj publikaĵoj.

Aperis ege malvarma la novjaro. Estis sabato: la kvara tago de la jaro. Verdire mi ankoraŭ pasigis mian ferion. Dum sabatmatene min ĉiam komplezis promenaĉi, sonĝadi tien-reen iradante tra la neĝa korto. Ankaŭ tiam sekvis min la hundo *Rex*, alinome *Pici* kiel iu ombro. Tre mi ŝatis la matenan agrablan neniofaradon. Havante tempon mi ĉirkaŭiris la enirejon, mi ekrigardis la rokaĵĝardenon apud la pordo. Ĝiaj floroj estis ŝtorm-taŭzitaj, suferigis ilin la vintro. La ruĝberaj grapoloj „grimpis" la muron, la turdoj ankoraŭ ne trovis ilin: aŭ povus esti, ke jam ne plu ekzistas turdoj. Vid-al-vide apud la najbara fajromuro, ankaŭ la kreskaĵoj de kordono sekiĝis. Mi promenis malantaŭen. La granda pinio sveltalte kaj neĝe staris: la pli malaltaj pinioj kaj la tujoj dorskurbiĝis sub la peza frostita neĝo. La malgrandaj vinkoj ĝis la tero kliniĝis antaŭ la grandeco de la vintro.

Mi trarigardis la nanajn pomarbujojn, kies supraĵojn amputis la „ĝardenista-hundo". Ĝi pensante, ke tiel eble kreskos pli alten la arboj. Tio ne povus esti, ke tiuj arboj pluvivu. Mi preterpromenis la kolonojn de laŭbo. Mi eniris la garaĝon. Tute senutila, bagatela sencela promeneto. Mi ekhaltis. Mi retrorigardis al la domo. El tiu angulo, ĝi aspektis pli granda, ol oni imagus! La tegmentorandon ankaŭ ni devos riparigi dum la printempo – konstatis en mi mem.

Ankaŭ la hundo Pici faris apud mi la saman rondon. Enpensiĝe ĝi rigardadis la verdaĵojn, kaj per kompetentulaj okuloj rigardadis nian burĝan domon de la komenco de la jarcento. Kion ĝi rigardis, mi tion ne scias: supozeble, ankaŭ nek ĝi. Se la Majstro tiel faris, do la imitanta simio ankaŭ tiel devis agadi.

Ĉar estis sufiĉe malvarma, mi eniris. En la granda kahelforno fajro krakiĝis, en la ĉambro estis agrabla varmo. En la ledan fotelon mi tre komforte metis min, kaj prenis en miaj manoj la matenajn ĵurnalojn. El iu elfalis kolora aldonaĵo. Sur ĝi per grandaj literoj estis surskribite: OTTO. Poste mi divenis, ke ĝi estis iu atentvoka eldonaĵo de samnoma modarevuo. En tiu momento mi laŭte ekridis, ĉar pri tiu virnomo *Ottó*, envenis mian memoron tiu "sovaĝuleto".



**Foto: Ne ĉiuj infanoj tiel bone reagas al dentkuracejo kiel ĉi tiu knabineto.**

Kiu estis li? Kaj kial mi ekridis?

Nu, tiu okazaĵo ja okazis antaŭlonge. Bedaŭrinde, mi ankaŭ povus diri, ke tre antaŭlonge: povas esti, ke tio okazis antaŭ dudek ses jaroj. Tiutempe mi laboris de nur kelkaj jaroj, kiel dentokuracisto havante en mia poŝo freŝan diplomon. Ankoraŭ mi tre ĝuis la tutan laboron. Mi estis pleniĝinta kun neelĉerpebla energio, ambicio, kaj per ĉioscio. Mi sentis, ke mi povus levi la terglobon!

Tiutempe estis somero, aŭ frusomero, aŭ

1 Hungara titolo: "A kis vadóc". El *Rememoroj de dentokuracisto.*

2 Legu hungare [jo'ĵef pol'gar].

malfrusomero, tion mi ne scias, sed pri tio mi determinite memoras, ke la posttagmeza suno forte enbrilis tra la fenestro de la dentokabineto, kaj la varmeco estis eltenebla. En la ejo antaŭ la fenestro estis la dentista seĝo. Je la alia flanko apud la muro staris la ŝrankovico, kiu estis plena de diversaj kuraciloj. La enirpordo de la kuracejo estis vid-al-vide al la fenestroj. Oni povas diri, ke estis silenta posttagmezo, ĉar nur malofte venadis malsanuloj. Maldiligente mi apogis min ĉe la fenestro-kornico, kiam la asistantino invitis la laŭvican malsanulon. Kiuj estis dudek sep – dudek ok jaraĝa sinjorino kaj kvarjara infano.

La juna sinjorino estis eksterordinare bela. Entute, sed ankaŭ en ŝiaj partoj: de ŝi elradiis iu tre diskreta ĉarma eleganteco. Kiel virino ŝi estis iom tro alta, ŝia korpoformo estis plie maldika, kaj rompebla ostaro, sed estis agrable ŝvelsvelta. Ŝia frizuro sekvis la modon laŭ Sophia Loren, ŝia mieno estis ĉarma, sed ne estis bebovizaĝa. Belaspektaj grizaj okuloj, nobla nazo, iome mallarĝaj lipoj, sed ŝi havis tre arkforman mentonon. Ŝi havis sveltan staturon, kaj ŝi portis blankan someran robon, tiutempe modan, kiu ne streĉis sur la korpo, sed supozebligis ŝian virinkorpon. Kiam ŝi flankenturniĝis kaj endiktis al la asistantino la indikojn, mi povis vidi ŝiajn belaspektajn gambojn, ruĝajn, alt-kalkanumajn ŝuojn. Ŝiaj genuoj estis ege konvenaj, tio estas esence grava, ĉar la genuo povas ĉion fuŝi je viringamboj! Eĉ, ĝi povas malbonigi ankaŭ la kompletan aspekton! Ŝiaj belaj ŝultroj kaj graciaj manoj kompletis tiun agrablan staturon. Mi falis sub ŝian influon. Ŝi alrigardis min kaj komunikis al mi:

– Doloras lia dento, bonvolu ekrigardi!

Nur en tiu momento atingis mian konscion, ke estas ankaŭ infano en la kuracejo. Ho Dio! Ekde kiam li metis siajn piedojn en la kabineton, li senhalte kriaĉadis. La asistantino sidigis la sinjorinon sur la dentista-seĝon, kiu poste prenis al sia sino la sovaĝuleton.

– Malfermu bele vian buŝon! – petis la patrino la infanon, kiu tute ne volis plenumi la ordonon.

– Ottó! Malfermu vian buŝon!

Poste la asistantino petegadis lin, kaj sekvis la promesado.

– Vi ricevos vangofrapon! – diris la bela sinjorino.

La rezulto estis obstina silento. Mi mem en la petego, kaj konvinko ne partoprenis. Mi daŭre apogis min ĉe la fenestro-kornico kaj mi trovis plezuron rigardi la belan virinon, kiun lumigis la sunradioj, ŝi estis malofta ekzemplero de sia sekso. Verdire apenaŭ atingis min la tirado kaj puŝado.

– Se vi ne malfermos vian buŝon, ni tenos vin por ke vi ne moviĝu, kaj perforte malfermos ĝin! – aŭdeblis atentigo.

La panjo klopodis teni la sovaĝuleton kvieta. Nu, ie tie ekliberiĝis la infero. Ĉar je tiu movo la infano produktis histerian furiozan paroksismon. Rapide movis liaj manoj-piedoj, disbatadis sin, kiel sovaĝiĝanta ĉevalido.

Pro la piedbaraktado, la jupo de panjo tute supren glitis, kaj tiel ŝiaj belegaj femuroj estis liberaj. Ŝi havis belformajn longajn femurojn. Ili aspektis nenature brilaj, glitaj, mi preskaŭ sentis ilin. En la sekvonta momento pro la luktanta barakto jam estis videbla la kalsoneto de la sinjorino. Post nelonge, fakte ŝi sidis nur en la kalsoneto ĝis ŝia talio. Eta, punta, iom rozkolora, silka subvestaĵon ŝi portis. Estis mirinda spektaklo: sangon ekviviga kaj entuziasmiga. Kaj estas la vero, ke ŝi allogis min. Estis mia bonŝanco, ke mi surhavis mian blankan kitelon, kiu min kaŝis.

Sekvis, ke la sovaĝuleto per bone direktita piedbato surterigis la kuracilojn kaj vitrarojn de la movebla tableto. La ekscito nur intensiĝis, ĉar en tiu momento la "sovaĝhungaro" abrupte alfrontis al sia patrino, per lia sandalo surpaŝegis ŝian piedon, nun jam estis bone videbla ŝia ekscitiga umbiliko, la virino pro la doloro dismetis siajn gambojn. Imagu tiun vidaĵon! Mi, kun sekiĝinta buŝo pensadis, ke la sovaĝuleto nur daŭru plu, daŭru pli longe lian benitan agadon. Tiutempe oni ankoraŭ ne povis vidi striptizon, aŭ nur malofte, malfrunokte en la kanalo de aŭstra televidprogramo, sed ĝi ne povis alproksimiĝi al tiu ĉi spektaklo.

Poste la furioza bubaĉo mordis la vizaĝon de sia patrino, rezulte de ŝia nazo kaj de ŝia okulangulo ŝprucis la sango. Samtempe per tiu agado li sukcesis disŝiri la bendon de la robo, videbligante la du belegajn, grandajn,

plenajn mamojn. Tio jam estis troiga laŭ la asistantino. Tiu ĉi ekkaptis la histerian bubaĉon kaj enĵetis lin sur la seĝon, dum li movis siajn piedojn en la aero, samkiel rano enbuŝiginta hokon.

Ekestis silento. La sinjorino nur nun konsciiĝis pri sia stato. Ŝi instinkte kovris sin per la manoj kaj fariĝis ruĝa kiel beto[3]. Mia helpantino per gazo sorbadis la sangon de sur ŝia vizaĝo, kaj ili kune aranĝis la disŝiritan robon. La sinjorino ekstaris el la seĝo:

– Mi petas pardonon – aŭ ion similan ŝi diris. Mi tute stulte staris de unu piedo al la alia, muelturnante miajn fingrojn.

– Do, li estas infano – mi nazvoĉe murmuris.

El la du belaj okuloj larmoj ekfluis, dume mia helpantino kudradis la ŝiritan bendon de la robo. Mi ŝtel-proksimiĝis al la malfermita kuracilŝranko kaj per granda zorgemo ordigis la jam tute enorde starantajn ilojn. Mi tute ne perceptis, kiam ili foriris…

De tiu tempo ĉiujn needukitajn, sovaĝajn, eksterordinare malbonajn bubaĉojn mi nomas, en mia menso, "eta Ottó", samkiel iuj kutimas nomi ilin Háry János[4]. Dum la pasintaj jaroj, multaj tiaj "sovaĝuletoj" vizitis mian kuracejon. La problemo estas tio, ke inter ili nur malmulte havis tiel belan panjon, kiel la "sovaĝuleto". Sed plej gravas, ke neniu el ili estis tiel nude senvestita.





Foto de Luiza Carol.

**de Luiza Carol**

## Krakmaizo

nur unufoje
maizsemo eksplodas
kaj ĝi steliĝas
leĝere neĝkolore

neniam ree
neniam reen

## Akvomelono

akvomelono
ĝojgusta kaj malseka
ĝuste terforma
ekstere pluvokolora
ene fajrokolora

*El pola ŝercado...*


Foto de
Edward Jaśkiewicz.

**de Jan Gawiński**

**trad. Edward Jaśkiewicz**

## Hinda aforismo

Kio ne valoras,
tre laŭte sonoras.
Pli laŭta sonoro
de l' kupr', ne de l' oro.




## Malgranda edzino

Edzinon etan al si prenis iu,
multaj primokis lin pro ago tiu,
sed li respondis: "El la malbonaĵoj
preferindaj estas la malgrandaĵoj"

3 Specio de manĝebla vegetaĵo tre ruĝa. (noto de LK)
4 Háry János estis hungara fabelheroo, kiu ĉiam mensogetis. (noto de la tradukisto)

El la nederlanda florado...



Foto de
Leo De Cooman.

**trad. Leo De Cooman**




## Ĉarma floreto senkulpa[1]

**de Guido Gezelle**

Ĉarma floreto senkulpa,
trovita laŭlonge de vojo,
lasu min stari momenton,
lasu min resti dum tempo ĉe vi!

Kara floreto senkulpa,
ĉu homo kuraĝus vin treti,
vin, kiun Dio mem
elpensis, kaj kreis kaj faris?

Li vin pensis kaj kreis,
aranĝis foliojn kaj brilan kronon
Li teksis sur vian kapon.
Faris vin Li, ĉarma floreto de mi[2].

Lumon Li prenis el l' Suno,
el ĝia brilradiaro radion;
fandiĝante ĝi falis sur vin,
koloris vian buŝon ridantan.

Li donis al vi la fluan dolĉaĵon
spirantan sur viaj lipoj odoraj,
beatigaj[3] por proksimiĝanto,
aŭ ĉu ekzistis alia ol Li?

Dio, eĉ la plej eta de ĉiu
senfina verko de manoj Viaj,
Dio, kiom eĉ la plej eta
mirigas konanton de Vi!

Ĉarma floreto senkulpa,
de kiam floreto vi estis,
neniu momento ekzistis
dum kiu ne amis vin Dio!

Nur kapablas malplaĉi
al Dio, Kiu amas ĉion,
la homo, kiun pli ol ĉion
amitan Li amas.

Plukante[4] li diris: "Min servu
vi, floro belega..."; vi velkis,
mortante sur lia kapo kulpa,
neniel vi servis lin.

Ĉarma floreto senkulpa,
trovita laŭlonge de l' vojo,
lasu min stari momenton,
lasu dum tempo min resti ĉe vi.



*Foto: Tri flavaj floroj ĉe la vojo. Alenteĝo 2008, far JJS.*

1 "Ĉarma floreto senkulpa" (el la sud-nederlanda "Schuldeloos Blommeke lief"), el *Volledige Dichtwerken (Plena Poemaro),* p. 277.
2 Pli kutime: "mia ĉarma floreto", tamen poetoj kreas kaj rekreas la lingvon.
3 "beata" - feliĉega kiel aŭ kvazaŭ sanktulo.
4 "pluki" - rikolti floron.






*El la esperantisma muzo...*


Foto de Imre Szabó

**de Imre Szabó**

# Venas tempo


**Bildo: Amoro sin preparas por pafi la sagon.**

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio,
palpebrumo[1]
lanta[2] kurteno:

via foresto -
la plej akra ĉeesto.

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio

mi amblas[3]
klasika ombro
de muro al muro.

frenezige,
kiel la aliaj komprenas
vian penson

frenezige,
kiel la aliaj ne komprenas
vian penson

lumigu
vian etan ĉambrosunon:

ĉio en ordo,
la mebloj ĝustaloke,

nur la koro iel
ne trovas sian lokon,

ĝi batiĝas
superkape alte,
sonorilego
de memoro.

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio

mi staras palise[4],
inter regionoj
de nuno kaj neniamo,
kiajn kampojn mi signas?

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio

Venas tempo por ĉio,
venas tempo por nenio

Venas tempo por nenio

Venas tempo por nenio

Venas tempo por nenio

Venas tempo...

Venas...

Ve...

1 palpebrumo: kun la rapideco de palpebra movo
2 lanta: malrapida
3 ambli: paŝi kiel bruto levanta la du krurojn samtempe

4 pinta stango kiun oni enŝovas en teron

En karavelo esperantisma...


Foto de Irina Mironova.

**de Irina Mironova**

# Kanto pri Moskvo

El infaneco mi memoras nur kelkajn reliefajn momentojn. Unu el ili estas kanto pri Moskvo, kiun T. Ĥrennikov komponis por la filmo *Porkistino kaj paŝtisto*. Kiam mi la unuan fojon ekaŭdis ĝin en la filmo, mi kelkajn tagojn estis en sorĉita stato. En la filmo temas pri du homoj, kiujn kunigis Moskvo. Brilaj aktoroj, kortuŝa historio, sed sen tiu kanto la filmo certe malsukcesus.

Do, post la filmo, mi ĝuste sciis, ke mi renkontos mian sorton nepre en Moskvo, kaj la kanto ekestis mia plej ŝatata afero. Mi loĝis tiam en la negranda siberia urbeto Belovo, kiu situas en Kemerova regiono. Mi neniam estis en Moskvo antaŭe, kaj vidis ĝin nur sur bildoj kaj ekrano. Imagu, kiom mi estis feliĉa, kiam oni min (kune kun kelkaj samurbaj gelernantoj) premiis, pro perfekta lernado, per veturo al Moskvo. Mi ĵus finis la sepan klason, estis 14-jaraĝa, kio signifas, ke mi sufiĉe maturiĝis por renkonti mian sorton.

Dum la tuta vojaĝo, mi ne nur admiris moskvajn vidindaĵojn, sed ankaŭ uzis ĉiun eblecon ĉirkaŭrigardi por ne lasi mian estontan amon nerimarkita. Kiu scius kaj dirus al mi, ke necesas elekti ne inter miaj samaĝuloj kaj pli aĝaj knaboj, sed inter pli junaj lernejanoj? Ve!, neniu povis suflori al mi pri tio.

Do, mia interesega veturo tamen ne fruktodonis ion al mia revo.

Forpasis tempo. Mi, post la fino de la 8-a lernjaro, lernis en Kemerova muzikteknikumo (speciala mezlernejo). Loĝis mi en la urbo Kemerovo. Kelkaj knaboj kaj viroj enamiĝis al mi kaj faris al mi proponon estiĝi ilia edzino, sed mi ne estis preta respondi "jes", ĉar mia koro silentis. En ĝi, samkiel antaŭe, sonis la vortoj: "Mi amikon neniam forgesu, se en Moskvo ni nin renkontis..." (ruse: Друга я никогда не забуду, если с ним подружился в Москве...)


*Foto de Moskvo.*

Nur unufoje en Bulgario, mia koro iomete malfermiĝis kaj mi, tiam 19-jaraĝa, jam estis preta ami, sed nur du tagojn mi estis kun Danĉo en Sofio. Ni konatiĝis vespere, preskaŭ nokte, ni aŭskultis muzikon en lia loĝejo, kaj matene li venis por adiaŭi min kaj nian grupon.

Post dujara laboro en Kemerova muzikteknikumo, mi veturis al Moskvo por abiturienti en la ŝtata muzikpedagoga instituto "familio Gnesin". Ve, tiujare mi ne sukcesis studentiĝi, sed mi konatiĝis kun Miŝa, soldato el Ukrainio, kiu laboris inter rekonstruistoj de la Domo de Aktoro. Do, kiam mi post jaro ja studentiĝis, li finis sian armean servon kaj restis en Moskvo, kie li laboris kiel ŝoforo kaj loĝis en komunloĝejo.

Miŝa estis alta blondulo kun malgrandaj grizaj okuloj sur larĝa sunbruniĝinta vizaĝo. Ĉu estis li, kiun la sorto sendis al mi, en Moskvo, por la tuta vivo? Mia koro silentis. Sed mi respondis "jes", kiam li, post subita morto de siaj gepatroj, venis al mi kaj proponis tuj geedziĝi. Mi estis preta mian tutan vivon dediĉi al li, ĉar mi sciis, ke li min

amas, ke li estas serioza knabo, kiu faros ĉion, ke nia familia vivo estu sukcesa. Kaj rilate mian neokazintan amon mi pensis, ke mi estas el inter tiuj inoj, kiuj tute ne kapablas ami.

Ni tuj iris por registri nian geedziĝon al koncerna oficejo, sed oni diris al ni:

— Venu morgaŭ! — ĉar restis nur 15 minutoj, dum kiuj ni ne sukcesus plenigi la enketilojn.

Sed nek morgaŭ, nek sekvontajn tagojn, ni plu venis al la registrejo. Miŝa pensis, ke mi jam nenien malaperos, kaj ni renkontiĝis pli kaj pli malofte. Kiam post kvar jaroj, li venis al mi, kaj denove ripetis sian proponon, ĉifoje plifortigitan per lia nova stato (li aniĝis al KPSU, studentiĝis en vespera instituto, ricevis propran loĝejon, rapide atingis pli kaj pli altan postenon en la laborejo), mi respondis:

— Ne!

Mi ne plu kredis, ke li certe amas min, ĉar li iĝis tro praktika.

Dum mia lasta (kvina) moskva instituta studjaro, mi ricevis ankoraŭ du proponojn esti ies edzino. Al reĝisoro, multe pli aĝa ol mi, mi respondis «ne!», kvankam li, same kiel Miŝa, proponis al mi moskvan registradon kaj eblecon nenion fari, aŭ labori laŭ mia deziro tie, kie mi volas. (Mi povus, post edziniĝo, ricevi «liberan diplomon» kaj mem serĉi laboron laŭ mia plaĉo, anstataŭ ol deviga direkto al konkreta laborloko en provinco.) Al Maŝrab, simpatia maldika kaj malalta uzbeko, malpli aĝa ol mi je 5 jaroj, mi respondis “jes”, sed lia panjo ne permesis al li geedziĝi kun mi pro mia aĝo. Li esperis konvinki ŝin, sed ne sukcesis.

Mi forveturis al Kemerovo, kie mi loĝis kaj laboris 10 jarojn. Mi estis tre okupita en la Instituto pri Kulturo, kie mi laboris kun plezuro. Krom tio, mi tute hazarde eklernis Esperanton kaj finfine somere kuraĝis veturi al mia unua Esperanto-renkontiĝo VolgEJT, apud Volgogrado. Post la renkontiĝo, mi laŭvoje restis por kelkaj tagoj en Moskvo, kie mi havis okupojn kiel aspiranto de la Instituto “familio Gnesin”, kaj volis trovi moskvajn esperantistojn por viziti E-klubon. Mi kredis, ke iu esperantisto min nepre eltrovos en moskva homa amaso, ĉar sur mia brusto amasiĝis insignoj kun verda steleto kaj esperanta flago, kaj miaj haroj estis



**Foto: Panoramo de Moskvo.**

ĉirkaŭitaj per helverda rubando, sur kiu estis skribita blanklitere: “1887 ESPERANTO 1987”.

Ĝuste tiel okazis. Kiam mi eniris metrovagonon, iu knabo, ĝis tiam sidinta sur benko, subite ekstaris, venis al mi kaj ekparolis esperante. Kiam mi ekvidis lian vizaĝon kaj precipe liajn okulojn, en mia kapo ĉio miksiĝis: kanto pri Moskvo sonis en mi kaj samtempe mi vidis la vizaĝon de mia neokazinta amo el Sofio: Danĉo. Mi komprenis, ke li estas mia sorto, kiun mi tiom longe serĉis kaj jam eĉ ne esperis iam trovi. Li, bedaŭrinde, nenion rimarkis, nur venigis min al E-klubo «Lev Tolstoj» kaj tuj malaperis. Kion fari? Mi nur sciis lian nomon: Valentin Melnikov.

Mi pensis, ke nepre mi trovos lin en iu E-renkontiĝo. Tial, sekvontan jaron post la renkonto, mi enskribiĝis al ĉiuj E-renkontiĝoj, pri kiuj estis sciate en Kemerova E-klubo. Mi ne trovis lin en Krasnojarsk dum OrSEJT, en Sverdlovsk dum “literatura semajno”, sed fin-fine mi ekvidis lin en Zagorsk dum MoskvEJT. Sed, bedaŭrinde, li ne estis tie sola. Kun li estis la edzino kaj ĉarma filino. Mia revo ruiniĝis. Mi komprenis, ke la vivo ne povas esti sama kiel kanta fabelo. Mi havis lian adreson kaj promeson helpi al mi en traduko, sed tio nenion signifis. Mi sciis, ke mia feliĉo neniam estos pro ies malfeliĉo.

Do, mi komencis mian novan vivon. Mi tuj edziniĝis al la unua viro, kiu proponis al mi tion. Post 5 jaroj ni divorcis kaj mi denove edziniĝis, ĉar mi restis sola en privata dometo, kiu bezonis viran mastrumadon.

Post dek jaroj, mi denove venis al Moskvo

por okupiĝi pri disertacio. Mi ne forgesis pri Valentin kaj volis, paralele kun miaj ĉefaj okupoj, montri al li mian Esperanto-tradukon de porinfana versa fabelo "Teremeto" (ruse: Теремок) de la granda sovetia poeto S. Marŝak (laŭ rusa popola fabelo). Kemerova eldonejo jam pretis eldoni ĝin. Estis bezonata nur kritika rigardo flanke de iu sperta esperanta literaturisto. Mi pensis pri Valentin, ĉar dum Zagorska E-tendaro, li ne nur kritikis miajn unuajn tradukojn, sed eĉ proponis al mi sian varianton de traduko (li sendis al mi plibonigitan tradukon en Kemerovon). Mi perdis lian adreson, tute ne sciis la telefonnumeron, sed mi esperis, ke mi trovos la vojon al li per helpo de iu moskva esperantisto.

Ne ĝuste tiel, kiel mi imagis, sed tio okazis. Kiam mi serĉis la lokon por noktumi (ĵus elvagoniĝinte) kaj inter aliaj konatoj, mi telefonis al moskva esperantisto-gitaristo-kantisto Miŝa Povorin, li donis al mi la hejman telefonon de Valentin. Certe, mi ne volis malhelpi al lia feliĉa familia vivo per mia restado en lia hejmo. Tial mi telefonis al li nur por interkonsenti pri renkonto por "Teremeto". Sed li, eksciinte pri mia sentegmenta stato, tuj proponis gastigi min ĉe li, dum mia restado en Moskvo. Mi konsentis, ĉar mi ne plu esperis, ke aperos iu alia afero.

Post 40 minutoj, mi jam staris ĉe lia pordo. Mia koro batis kaj, ŝajne, volis elsalti eksteren. Kiam li malfermis la pordon, mi komprenis, ke antaŭ mi staras tute alia homo, ol tiu Valentin, kiun mi iam ekvidis la unuan fojon. Li, malpli aĝa ol mi je 8 jaroj, aspektis kiel profunda avo, post multaj vivobatoj. Lia soleco kaj malkontenteco pri ĉio estis tiom okulfrapaj, ke el ĉiuj sentoj, kiujn mi havis iam al li, restis nur pli kaj pli kreskanta bedaŭro pri lia sorto.

Certe, la unuan nokton ni okupis nur pri "Teremeto", kiun li tute senkompate neniigis komence plene, sed poste iom post iom pli trankvile kaj konkrete komentis kaj ni planis, kio bezonas korekton plenan, kio partan, kio estas pli-malpli normala.

Ekde la sekva tago, mi faris ĉion por varmigi lian hejmon kaj lian animon. Lia animo degelis post du tagoj. Ankaŭ kiel iam, mi kaj li komprenis, ke mi estas lia destino.

La tria nokto ĉe Valentin estis stranga por mi, ĉar kontraŭ ĉiamaj miaj principoj, mi perfidis (solan fojon en mia vivo) mian laŭleĝan edzon. Ne gravas, ke la edzon mi neniam amis, ke li pli kaj pli drinkis kaj ke, de la komenco, li ne estis taŭga por mi. Sed mi mem iam tute konscie faris elekton, kaj sentis respondecon pri nia komuna sorto.

Matene mi jam ĝuste sciis, ke kontraŭ ĉiuj baroj, mi jam estas feliĉa, ĉar mia kanto pri Moskvo jam efektiviĝis. Ĉu estos daŭrigo? Pri tio mi ne sciis, kaj eĉ ne intencis pensi pri iuj konkretaj agoj. Kiel estos, tiel estu.

Trapasis pli ol dek jaroj post tiu momento. Mi pli kaj pli ofte veturis en Moskvon por disertacio, kiun mi ĝustatempe defendis. Ni ambaŭ vidviĝis kaj geedziĝis. Mi translokiĝis al Moskvo, kie mi trafis bonan laborlokon. Ŝanĝo de loĝloko, kaj de laborloko, por mi ne estis facila. Delonge mi alkutimiĝis al novaj homoj, nova urbo. Min subtenis nur la apuda ĉeesto de Valentin. Certe, li ne estis tute ideala, sed dum nia komuna vivo lia karaktero iom-post-iom pliboniĝas. Mi estas feliĉa kun li.

Tial venis la tempo por traduki fin-fine la kanton, kiu okazis kaŭzo de mia tuta sorto.

### *Kanto pri Moskvo*

Kiel bonas en moskva spacaro!
Lumas steloj de Kremlo en blu'.
Tiel, kiel riverojn ja maro,
Moskvo homojn kunigas en flu'.
Ĉirkaŭrondis amaso nin gaja,
Simplajn vortojn sugestis al ni,
Konatigis, amikis nin maja
Moskva ĝoja vespera anim'.

*Refreno:*

Kie paŝu mi, sur kiu greso,
Ĉu je Suda au Norda destin',
Mi amikon neniam forgesu,
Se en Moskvo renkontis ni nin. } 2-foje

www.esperantopt.com

*El la portugala maro...*

# *Recenzo pri Brazila Esperanta Parnaso*

***de João José Santos***

***organizintoj: Sylla Chaves, Neide Barros Rêgo***
***eldonis: Editora Oportuno, Rio de Janeiro, 2007***
***paĝoj: ne numerigitaj, ĉ. 450***
***formato: 16cm x 22,5cm***
***celpubliko: esperantistoj***




***Skano de la kovrilo de "Brazila Esperanta Parnaso", poemaro en esperanto.***

En la postkovrilo de B.E.P., oni povas legi:

Brazila Esperanta Parnaso enhavas 118 poemojn originale verkitajn Esperante de 35 brazilaj esperantistaj poetoj, kaj 189 poemojn originale verkitajn portugale de 136 aliaj brazilaj poetoj. La nomo de ĉiu portugallingva originalo kaj de ĝia aŭtoro estas indikita sub la nomo de la traduko. Inkluzivante ĉiujn tradukintojn, ĉi tie enestas 178 poetoj, el kiuj nur unu (Francisco Valdomiro Lorenz) ne naskiĝis en Brazilo[1]. Enestas almenaŭ unu el la ĉitieaj poetoj naskita en ĉiu el la 27 federaciaj unuoj[2] de Brazilo. Kiel klarigite en la antaŭparolo, tiu ĉi poemaro estas plurtema kaj plurstila, sed preskaŭ entute engaĝita en la batalo por pli bona mondo. El la 307 poemoj, 45 estas kanteblaj (per fama aŭ per nefama muziko). De ĉiu poeto enestas biografio, kaj de la plimulto enestas ankaŭ foto.

La libro ankaŭ enhavas multajn kolorajn fotojn de aŭtoroj kaj tradukintoj, de bestoj, plantoj kaj pejzaĝoj, aluditaj en la poemoj. En la fino, mikrobiografioj informas pri la poetoj.

B.E.P. unuavide impresas pro sia grandeco kaj dikeco. Post la legado de la postkovrilo, nepre oni miras, ke la libro enhavas 307 poemojn verkitajn de 178 poetoj. Tiuj ciferoj facile montras la viglecon de esperanto en Brazilo, en la unua jarcento de nia lingvo.

Videble la libro gvidiĝas de tri bazaj konceptoj.

1 Lorenz naskiĝis en 1872 en Ĉeĥio, kaj mortis en Brazilo en 1957. Kiam li estis 21-jaraĝa, pro politikaj kialoj, fuĝis al Brazilo, kie li vivis sian longan vivon. Lorenz estas unu el la plej admirindaj spiritoj de la historio de esperanto. La Karavelo pli detale certe prezentos ĉi tiun brilegan inteligenton kaj rozparfumitan koron al siaj legantoj. (noto de JJS)

2 Subŝtatoj de Brazilo. (noto de JJS)

### 1. Esperanto helpas la konstruadon de pli bona mondo.

Jen konstanta zorgo de Sylla Chaves, kiu, jam de antaŭ pli ol 20 jaroj verkis la esperantan libron *Por pli bona mondo*. Gravas ke, en materiisma mondo, kie la homoj eĉ hontas pri la pozitivaj valoroj, kiuj ŝajnas preskaŭ ĉie kvazaŭ eksmodiĝintaj varoj, la konsciaj kaj konsciencaj homoj levu siajn voĉojn kaj kriu la deziron valorigi siajn vivojn, farante la eblon en la konstruado de pli bona mondo.

Kvankam la poemoj de ĉi tiu libro estas tre diversaj, ili fingrumas tiun direkton, la direkton de la bonaj intencoj, de la ĝenerala bono, de la respekto, de la toleremo, de la paco kaj de la justo. Tamen, por ke oni ne pensu, ke temas pri bigota selekto da poemoj, jen la poemo numero 43:

***Nudo***
de José Meira Mendonça

Nudiĝu...
ĉar nudaj estas
la bestoj
la floroj
la steloj

la montoj
la maro
la suno kaj la luno

kaj mia amo al vi.

### 2. Poezio devas esti simpla, komprenata de vasta plureco de homoj.

La brazilanoj ĝenerale tre ŝatas la nomon "Parnaso", ĉar ĝi elvokas la poezion de la antikva Grekio, la lando de la dioj kaj ankaŭ de la poetoj, kiuj mitologie enloĝis la Monton Parnason[3].

Tamen, kaj kvankam la poezieco de la nomo, la uzado de la vorto "Parnaso" en la titolo de poemlibro, kiu tiel obstine pledas por la poezia simpleco, estas kontraŭsenca.

3 Bedaŭrinde, Monto Parnaso brulis en la somero de 2007, kiam la kontinenta Grekio estis sub multaj incendioj. Eĉ la dioj ne plu vivas en paco!

En la komenco de la 19-a jarcento, aperis en Francio literatura skolo, kiu nomiĝis "Parnasismo". La parnasistoj verkis arton por la arto. Ili estis diletantoj de la poezio, kaj batalis kontraŭ la romantikistoj, ĉar la parnasistoj malestimis la elmontron de sentemo, kaj tre aprezis la forman purecon de la versoj. B.E.P. entute ne estas parnasisma, ĉar en ĝi la arto servas la konstruon de pli bona mondo, kaj do ĝi havas utilecon. La organizintoj de la antologio ne ĝin karakterizis kiel parnasisma, sed la uzo de la nomo "Parnaso" en la titolo povas gvidi la leganton en la eraron pensi, ke temas pri parnasisma antologio.

Pro la vortoj de Sylla Chaves, en la Antaŭparolo de la libro, kaj pro la elektitaj poemoj, oni komprenas la plaĉon al la romantikismaj temoj kaj formoj, kie la popola rimo estas nepra, kaj la poemo devas atingi ĉiujn sociajn tavolojn, ĉar ankaŭ la simpluloj estas filoj de Dio. Oni ne povas kontesti, ke la poezio ankaŭ devas nutri la menson de tiuj, kiuj ne multe studis. Tamen, tio estas didaktika poezio, bakita por la popolo. Kompreneble, ĝi ne estas la unuura poezio. Kelkaj poemoj postulas altgradan inicadon tra la vojoj de la filozofio, de la literaturo kaj de la lingviko, kaj do ili ne estas kompreneblaj de tiuj, kiuj ne pilgrimis tiun vojon. Oni donas panon al tiu, kiu malsatas, dezirante ke morgaŭ li ne manĝu nur panon. Oni instruas la unuajn literojn al la infanoj, ne kiel celo en si mem, sed por ke ili uzu tiujn literojn por kompreni gravajn konceptojn en la vivo. Oni legigas simplajn poemojn, ne por ke la leganto stagnu poreterne en tiuj poemoj, sed por ebligi al ili senvualigi miriadojn da steloj kaŝitaj en sia propra anima universo.

**3. Brazilo havas specialan rolon en la disvastigo de esperanto, kaj en la konstruado de pli bona mondo.**

Unuavide, la defilo de tiom da homoj el la brazila historio, la prezento de bele kolora mapo de Brazilo kun ĝiaj subŝtatoj, la evidenta malesto de iu ajn portugallingva aŭtoro ekster Brazilo, kaj la zorgo, ke aperu en la antologio homoj el ĉiuj subŝtatoj de Brazilo, povas ŝajni, ke naciismaj kriterioj ludis pli gravan rolon, ol la valoroj de la internacieco. Kondamninda estas la naciismo, sed la patriamo estas laŭdinda. Oni devas aprezi ĉi verkon, kiel atestaĵon de la plenvalora laboro farita por esperanto en Brazilo. Krom la evidenta ĝuigado de poemoj, B.E.P. montriĝas ankaŭ kiel disvastigilo de esperanto en Brazilo. Post ĉi tiu verko, neniu brazilano povas diri, ke lia subŝtato ne estis tuŝita de esperanto almenaŭ unufoje, ĉar en B.E.P. aperas poetoj de ĉiuj subŝtatoj de Brazilo. Lertaj argumentuloj certe profitos la libron por disvastigi esperanton.

Jen do ĝuinda antologio de espo-poemoj, kiu montras la vastan honoran historion de esperanto en Brazilo.

## *Poesias Escolhidas do Brazila Esperanta Parnaso*[4] *kaj faldfoliego kun bildoj.*

***organizintoj: Sylla Chaves, Neide Barros Rêgo***
***eldonis: Editora Oportuno, Rio de Janeiro, 2007***
***paĝoj: 192***
***formato: 16cm x 22,5cm***
***celpubliko: brazilanoj k esperantistoj***
***kun la libro: 1 grandformata faldita folio nomita: Ilustrações e fotos do livro Brazila Esperanta Parnaso***[5]

*Poesias Escolhidas do Brazila Esperanta Parnaso* estas portugallingva kaj esperanta libro enhavanta ĉirkaŭ 150 poemojn elektitajn el *Brazila Esperanta Parnaso.* La aparta faldfoliego *Ilustrações e fotos do livro Brazila Esperanta Parnaso* enhavas la bildojn, kiujn B.E.P. enhavas ene de la libro. Oni ne komprenas, kial en ĉi tiun libron la bildoj ne estis metitaj, same kiel okazas pri B.E.P.

La poemoj aperas ĉiam en la du lingvoj, live en la portugala, dekstre en esperanto.

Tiaj dulingvaj eldonoj estas ĉiam tre interesaj por studemuloj, al kiuj plaĉas la lingvo-komparo, kaj ankaŭ por lernantoj, kiuj povas aprezi kiel spertaj tradukistoj solvis traduk-problemojn.

* * *

Ambaŭ libroj estas nemalhaveblaj de la esperantisto interesiĝanta pri poezio, ĉefe de portugallingvanoj, sed ne nur de tiuj.

www.esperantopt.com

4 En esperanto: *Elektitaj poemoj el...*
5 En esperanto: Ilustraĵoj kaj fotoj el la libro...

*El la portugala esperantio...*


Foto de António Martins-Tuválkin.

***trad. António Martins-Tuválkin***

## *Sorĉa konfeso*

***de Luís Ladeira***

Mi sciigos al vi mian tre sekretan sekreton. Ĉar mi pri timigoj ne devas penton fari, ni eku... Jen do: Estas mi sorĉistino!

"Aj! Ve! Ekzorcon per Sankta Kruco!" Ĝuste tiel: sor—ĉis—ti—no. Nu tamen, ne tro nervozu — ja decidinte tion malkaŝi mi nelonge plu profesios... Ho, kiom multe mi povos rakonti al vi!... Kaj jen rakontos mi do:

Kiam onjo Ĵokina estis mortonta, ĉiuj evitis la vojon al ŝia domo, eĉ la saĝa parokestro — ĉar onjo Ĵokina (aŭ la Diablo, kio fakte, inter ni dirite, estas la samo) tiel blasfeme insultis la sanktan oleujon kaj la krucĉenon, ke li ne plu volis okupiĝi pri tiu animo rabia.

Kiam sorĉistino mortas, ŝi devas transdoni al iu la stafeton, por pluigi la regnon de Satano! Tial oni suspektis, ke ŝi insidis pri truda heredigo al iu ajn, kiu venus sufiĉe apude, kaj ĉiuj diskuris de antaŭ ŝi!

Iutage, mi finfine decidis, kaj eniris tra ŝia pordo.

— Aĥ, tiom malfrue vi venas, aĉulino! — ŝi diris. — Jen mi tie ĉi, volas morti, kaj devas vin tiom atendaĉi!

Tiam ŝi konvinkis min alpreni la bobenojn, per rakontado de la avantaĝoj. Jen ĉar mi tiam jam apudis la kvardekjariĝon, kaj da viroj neniom. Onjo Ĵokina, ŝi mem ankaŭ fraŭla, klarigis, ke sorĉistiniĝi estus mia lasta ŝanco. Senvira, manka je mondumaj plezuroj, nur sorĉistineco povus min kompensi.


*Foto de Luís Ladeira, farita de Kasesa*

## *Luís Ladeira*

naskiĝis en la vilaĝo Ponta do Sol, insulo de Madejro, Portugalio, en 1950. Li diplomiĝis pri Filozofio kaj instruas tiun fakon en gimnazio. Ladejro loĝas en la urbo Amadora, ĉirkaŭ Lisbono.

Li esperantistiĝis fine de la jaro 2002. Ladejro estis estrarano de Portugala Esperanto—Asocio dum kelkaj monatoj. Li gvidas, enkadre de Eŭropa Esperanto—Unio, la projekton "AKEL – Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj", www.lingvo.org/akel , kaj, rilate al lerneja E—klubo, la dulingvan blogon http://akelportugalio.blogspot.com. Li kunresponsas pri la E—versio de la Virtuala Muzeo de Bildodesegno www.cartoonvirtualmuseum.org/index_spr.htm . Alportugaligis li plurajn artikolojn de profesoro Claude Piron, http://claudepiron.free.fr/articles.htm, kaj la t.n. Raporton Grin: "Fremdlingvo—instruado kiel publika politiko", de François Grin, http://lingvo.org/grin/. Li klopodas allogi gejunulojn al la Internacia Lingvo Esperanto por defendi Europan Union.

Kaj ŝi rakontis al mi pri la viroj, kiujn ŝi noktmeze devigis akompani ŝin, kaj ankaŭ pri la diboĉoj noktmeze, kien kunvenis ĉiuj madejraj sorĉistinoj al sia majstro Lucifero.

Tiam, konfesindas, ŝi jam min delogintis sed mi ankoraŭ riposti provis:

— Vin aŭdinte oni ĉion supozas festado, sed kion pri balailoj malantaŭ pordo, kaj lavbrogitaj vestoj, trapikitaj per forko?

— Aĥ, onjo mia! — ŝi respondis — Se iu vin pinĉetas, tiun vi ŝirskrapos!

Kaj ŝi rakontis, ke tio okazis, malofte tamen; ke kiam najbarino, bigota tre, ŝin enfermis en domo per starigo de balailo kontraŭ la pordo, kaj tial ŝi tie restaĉis, sen ajna poveblo, ĝis kiam iu, eĉ nur hazarde, malfermis el ekstero. Kaj ankoraŭfoje subite ŝin trafis tutkorpa dolorego, kaj ŝi devis kuri, kvazaŭ pikata de abelaro, al iu najbara domo, petegi de megero ajna, ke ĉesiĝu la tiom vigla vestaĵlavado.

Sed tio, ŝi diris, maloftis, kaj la venĝo mielgustis. Ho!, kiel ŝi repagis al tiuj senkorulinoj kaj al ties familianoj! Dumnokte iliajn harojn forrazis, kaj la brakojn kaj krurojn mordegis. Valoris eĉ la sufero pro la posta venĝo tiel plezurgusta!

— Ĉu ankaŭ pro la sangogusto? — mi demandis.

— Jes, ankaŭ pro la sango — ŝi konfirmis.

Necesis nenio pli por min delogi.

Jen tie kaj tiam mi ricevis la bobenojn de onjo Ĵokina, kiu mem forpasis inter mil sorĉoj pri serena ripozo.

Ekde tiam... ho!, kia festado! Kelkajn noktojn mi eĉ ne enlitiĝis! Foje mi amuziĝas ĝenante la virojn, kiuj nokte irigacias siajn kampojn. Mi blokas la kanalon kaj nur refluigas la akvon post kiam jam forpasis ilia akvuma horo! Aĥ kiom belsone ili tiam blasfemas!

Alifoje, kaj tio multe pli amuzas, mi aliiĝas al granda hundo, aŭ kiel sovaĝa kapro, aŭ ajno tia laŭeme, kaj en vintraj noktoj preterpasas mi rapidege, en mallumaj vojeroj, la virojn, kiuj tro longe umis en drinkejoj, kaj lante amblas al siaj hejmoj… Ho, eĉ forklariĝas al ili la ebrio! Ili krucsignas, sanktulojn alvokas, rapidege kuras hejmen, kaj nur la nokta mallumo forkaŝas, ke la vino eskape fluas sur iliaj gorĝoj! Aĥ, kiom vigle kuras ili tiam, tiuj bravaj viraĉoj!

Kaj post tio, mi ne rakontos intimaĵojn… Jes, depost mia sorĉistiniĝo, ne mankas ĉe mi tio, kion antaŭe al mi Di' ne donis! Mi pri tio plene kompensiĝis kaj eĉ avantaĝe. Ja per diablaj faroj ne enmondiĝas dikreaĵoj! Krome, neniu pavumos pri tio, ke sorĉistino tiun devigis je karnkuniĝo. Ni do konservas reputacion, kian envius multaj virgulinoj. Nu, sat' pri rakont' de tio ĉi. Ja eĉ sorĉistino rajtas gardon de sia pudoro.

Kion al vi rakonti pri niaj monataj renkontiĝoj? Ili okazas kutime vendredojn, la unuan de ĉiu monato (aŭ en ties tago dektria, se tion bonŝancigas la kalendaro, alterne, jen en insulsupro, jen en kaŝvalo. Ĉirkaŭ la noktmezo aperadas, unu post alia, ĉiuj madejraj sorĉistinoj.

Je la unua ĉeesto, miriga gapindaĵo. Amaso da konatoj:

— Ho, jen ankaŭ tiu sorĉistinas!

## Pri la verko

Ĉi tiu rakonto apartenas al rakontlibro verkita de Luís Ladeira, inter la jaroj 1982 kaj 1984, portugale titolita "Estórias da Ilha e do Sufoco" (Rakontoj pri la Insulo kaj Sufokiĝo), kaj eldonita en la jaro 2001.

Sur la dorskovrilo elmontriĝas la personoj: ŝarko, kiu vagadas en golfeto de la urbo Funchal [fun'ŝal] (ĉefurbo de la insularo Madejro); kontisto kiu interplektiĝas je malsimplaj kontoj; viro, kiun angorigas ĉielpremo; soldato, kiun englutis tero de li revita; fraŭlo, kiu tragike konfuzis homon kaj porkon; atleto, kiu kuras forkurante; instruisto pri filozofio, kiu malkovris la finfinan provon pri la ekzisto de Dio; virino, kvazaŭ ĉerpita el malnova mitologio, kaptita de la fato; sandviĉo platona.

La rakonto "Sorĉa konfeso", tradukita de António Martins-Tuválkin, temas pri mita figuro sorĉistino, kiu sin konfesas konforme al popola fantazio.



***Kartuno: Sorĉistino flugas per sia balailo en nokto de plenluno.***

Kaj ne nur malriĉaj senkleruloj, ankaŭ multaj altklasanoj! Jen do spektindaĵo! Ĉu pro la nombro de ĉeestantaj sorĉistinoj, ĉu pro la ĉantoj kaj dancoj je la triumfa alveno de Moŝta Belzebuto!

Li aperas subite magie, per nesciata maniero, rajdanta nigran, laŭte henantan ĉevalon, kiu elsnufas flamojn kaj stamfas sparke la tretgrundon laŭ takta troto tiel orgojla, kian nur la Mallummajstro kapablas plenumi! Kaj tiam nin ekposedas ekzalto kaj grupa histerio manifestiĝas.

Sed ne indas rakonti, necesas spekti. Pli bone, necesas sperti! Ho, la Moŝta Belzebuto plu rajdas, lia ĉevalo pretertuŝas la rondon, kiun ni formas ĉirkaŭ li. Li neniam deĉevaliĝas, sed nin rigardas per penetraj okuloj, kun tufaj, aplombaj brovoj. Eĉ ne unu vorton li elparolas, sed lia tondra ridego, basa kaj eĥa, sufiĉas por nin pluirigi. Kaj same subite kaj mistere kiel li aperis, tiel poste li malaperas... la Mallummajstro en la noktan tenebron.

Post kiam ni disadiaŭas ĉiu aliajn, ni estas vere lacaj, sed tiom malserenaj, ke ni tute ne emas tuj ekdormi. Jen kial tiom ofte senzorgaj noktemuloj trovas ŝajne perditajn kruĉetojn ĉe vojrandoj, aŭ malsovaĝajn kapridetojn milde maĉplukantajn herbetojn ĉe la kanaloj… Tuŝita per marŝbastono, sorĉistino tiam ekaperas, vestita per nigra ŝalo kaj mantelo, kaj la virojn ni devigas surdorse porti nin hejmen! Eĉ ne unu vorton ili elbuŝigas, nek Jesu' nek lia bru', senvoĉaj kiel kukurboj, eĉ anhelante silentas!

Ho, estimataj, jen kia senĉesa amuziĝado estas mia vivo! Devis mi elekti fariĝi aŭ reŭmata kaj naiva bigotino aŭ svelta kaj lertmova sorĉistino... ĉu mi miselektis?

Nu, vi eble demandas kial do, se mia vivo ja tiom plezurplenas, pretas mi do emeritiĝi? Komprenu ke mi sorĉistinas jam kvardek jarojn, kaj ne tiom varmas plu ĉe mi la sango, kaj mia korpo, nu ĝi ripozon sopiras. La vivleĝo ankaŭ nin regas kaj la Infermajstro atendas nin.

Kiu el vi do volas bobenon?…

www.esperantopt.com

*El la portugala muzo...*

# Benplena mateno

***de Trindade Coelho[1]***

***trad. Eduardo Novembro, el la portugala***

Kiam frumatene ĉe José Grilo oni frapis je la pordo "tok, tok, tok!", ĉiuj vekiĝis ektimigitaj: "Kiu diable povus esti?!..."

— Psit! Eĉ ne unu vorton! — li subdiris al la edzino. — Ĉit!

Sed de ekstere oni batis denove: "tok, tok, tok!"

De sia ĉambreto, Ana, la filino, alvokis la patron:

— Ho, mia patro! Ĉu vi ne aŭdas la frapadon?

— Mi bone aŭdas, ne ĝenu! Iu ajn malspritulo volanta amuziĝi. Jen karnavalaĵo!

Ankoraŭfoje oni frapis ĉe la pordo, nun pli forte.

— Hu, brutulo! — tiam li kriis: — Batu ĉe diablo aŭ per la kapo kontraŭ la kradoj de l' infero! Hu, brutulo!

Malgraŭe, li pretigis la orelon por gvataŭdi — per la okuloj rigardante al la videblaj tegoloj de sia domaĉo. — kaj perceptis paŝojn de iu forkuranta.

— Vi pravas! Jen brutulo! Tio estis besto volante amuziĝi!

Apenaŭ prononcinte tiujn vortojn, li denove ekaŭskultis, dirante al la edzino:

— Ĉu vi ne aŭdas, Joana...?

— Ne!...

— Hundeto... ĝuste ĉe la pordo... — kaj kvazaŭ antaŭsentante, ke li trafis, tuj aldonis: — Jen! Tio estas ŝercaĵo!

— Ŝercaĵo pri kio?!

— Ĉu vi vetos, ke estas novaĵo?!

Eksalte li ellitiĝis, ĵetis lankovrilon



***Kartuno: Rozkolora bebo.***

surdorsen kaj malfermis la pordon.

— Kiel diable...? — li demandis, ĉe l' ekvido de pakaĵo.

Ĝi estis tukpaketo.

— ... kia demona pakaĵo...?!

Li prenis ĝin. Neniom ĝi pezis. Sed estis ĵusnaskito volvita per malnovaj tukoj.

— He, virino! — li ekalvokis. — He, Ana!

Sed li mem kuris tien, kie estis la edzino.

— Permesu! Permesu! Pretigu litan loketon por ĉi tiu naivulo!

— Por ĉi tiu kio?!

— Por ĉi tiu infaneto! Ĝi mortas pro malvarmo!

Ankaŭ la filino alkuris.

— Kompatindulo de Dio, rigardu!

Kaj tuj José Grilo pretigis mem en la lito komforton por li, ankoraŭ volvita per siaj tuketoj. Dum la patrino surmetis la subjupon, ŝia filino tre komplezeme elspiretis sur la infaneton.

— Povra etulo! Ŝajnas ja vera volvaĵeto. Tiom malgranda kaj tiom bela. Ho, patrino mia!

Sed la patrino, silente, finvestiĝis, kaj la patro jam estis surmetanta la jaketon.

— Ĉu vi aŭdas?! — li al la filino. — Vi rapidu! Kiu ie ajn eble havas lakton? La filino de António Veredas, ŝi. Aŭ Brites, kies bubeto mortis. Alkuru tuj, por ke ŝi venu ĉi tien. Hastu!

— Kia hasto... — grumblis sinjorino Joana.

Ŝia edzo, ne komprenante ankoraŭ:

1 Joaquim Francisco de Trindade Coelho (1861-1908).

— Nenio! Ĉu oni lasu ĉi tie la bebon malsatmorti?

Kaj de la pordo, li kriis al la knabino, kiu jam kuras:

— Ĉu vi aŭdas? Ŝi ne malfruiĝu! Oni pagos al ŝi tiom, kiom estos necese! Kuru!

Tamen, lia edzino, paŭtanta, jam estis meze de la ĉambro…

— Ho, virino! — la edzo ŝin vigligis. — Ŝajnas, ke ia timo kaptis vin. Ne afliktiĝu, ĉar tio ne valoras la penon.

Sed ŝajne nur nun li komprenis: "Tio estis ja zorgoj! Ĉu ŝi ĵaluzis?... Do jen…" Kaj li eldiris por ĉagreni ŝin:

— Ĝi estas ĝuste kvazaŭ nia, supozeble.

— "Nia", jen parolmaniero. Eble de mia viro, kaj de iu ajn senhontulino, kiel li.

Kaj li insiste:

— Supozu, ke li naskiĝis de vi.

— De iu ajn "hundino", jen!

Li butonumis la veŝton, afektante minacan kaj riproĉan tonon.

— Ho, virino!...

Ŝi samtone:

— Ho, viro!...

— Vi ne grumblu al mi, atentu ke vi ne malfeliĉigu min!... — li retenis ridegon.

— Vi ne neu, ke vi negas Kriston! Mia viro estas sanktuleto.

Li, serioze:

— Havigu komforton al la bebo, faru. Vi plenumas nur vian devon. Bonfaremo oni ne neas eĉ al malamiko.

— Ĝin komfortigu vi!

Li ankoraŭ insiste:

— Certiĝu, ĉu ĝi ne estas malsekiĝinta.

Tiam ŝi fiksrigardis lin, ĉagreniĝinta.

Li decidis retroiri:

— Nu! Ĉu ne? Kapabla vi ja estas…

— Ĉu aserti, ke li estas via? Mi asertas… mi asertas… asertas!

Siavice li minacas ŝin, kiel oni ŝajne perdas la paciencon:

— Ho, virino… ho, virino!...

Ŝi samegale:

— Ho, viro… ho, viro!...

— Ho, virino de miaj pekoj!...

Kaj revenante al sia ĵus antaŭmomenta teniĝo:

— Venu vidi, ke li estas knabo; venu ĉi tien, se vi volas vidi.

Ekploris sinjorino Joana, kaj ankaŭ la "virinfano" mem ploradis.

— Jen! Nun ankaŭ tio, kion ni bezonus. Nun eĉ la filoj de la "aliulinoj".

Mekante simile al kapro, ŝi ekploris, ĵurante, ke la "filo" estis de ŝia viro:

— Haj Jesuo, mi estas perdita!

— Ho, virino! — li alkuris kvazaŭ al incendio.

Sed ŝi, agiteme:

— Malbona horo, tia de mia edziniĝo! Malbona horo, tia de mia irado al la preĝejo! Aj Jesuo, kio estos al mi!!...

— Malbone, malbone… malbone, malbone! — raŭke ekparolis la edzo, ne sciante mem, ĉu jam en kolereta humoro.

Sed rokfirme, li starigis sin antaŭ sia virino:

— Ja tial, Dio savu min… Ĉu vi aŭdas?

La edzino fiksrigardis lin vidalvide.

… Sed li, afektante penti sin:

— Nenion!

Malplibone. Plorkriade ŝi interplektis la manojn sur la kapon:

— Vi ne ĵuras! Mia viro ne ĵuras! Helpon, ĉar la "filo" estas lia!

Denove li retroiris:

— … Demone…!

Kaj ankoraŭfoje fronte al la edzino, kun la fingroj krucigitaj sur la buŝo:

— Ja, mi ĵuras, ke mia ne estas la knabo!

— Kaj ĉu vi kisas la krucon?

— Rigardu!

— Kaj tiel, Dio donu al vi sanon, José!

— Kaj tiel, Dio donu al mi sanon!

— Nigra vi estu, kiel via ĉapelo!

— Nigra mi estu, kiel mia ĉapelo!

Tuj sinjorino Joana alkuris al la ĉambra angulo, kie estis la dota kesto, kaj ĝin malfermis; unu Nian Sinjorinon de la Vojo sur la kovrilo algluita per oblatopecetoj, ŝi tre anksie kisadis. Konsoliĝinte, ŝi elverŝis:

— ... Haj!

José Grilo ekridis: "Diable, lia virino pikita de ĵaluzoj!..."

Poste, kvazaŭ mirigita kaj tre ofendita:

— Sed ĵaluzoj pro kio, ho virino?... Ĵaluzoj pri kiu?!... Ĉu vi ne bonvolus diri al mi?...

Lia edzino jam estis komfortiganta la etuleton, kaŝante lin funde sub la litan tolaĵon.

— Jen! Nun ne sufoku lin!

Rekonsciiĝis sinjorino Joana, sed ne volis tion tuj elmontri:

— … Mi bone scias… Mia viro estas "sanktuleto".

— Por "sanktuleto", io ankoraŭ mankas al mi… Sed laŭ oni diras…

— Fanfaronu vi, korbo.

— Tute ne estas "fanfaronu" — rebatis la edzo, ankoraŭfoje por koleretigi ŝin. — Mi ne aŭdacas antaŭ ili.

— Rigardu kiu!

— Sed se ili aŭdacas antaŭ mi…

— José… José!...

— Joana… Joana!... Se mi edziĝis, vi perdigis min…

Ŝi ridis. Kaj li, insiste:

— Sed se ili aŭdacas antaŭ mi…

— Kio estas?

— Kio estas?... Ili ne povos diri, ke vi ne havas viron!

La etuleto ploradis plu.

— Li malsatas, la kompatinda. — sinjorino Joana diris — Kaj Brites tiom prokrastiĝas…

Kaj ŝi alkuris mem al la pordo por rigardi, ĉu la filino jam alvenas kun ia mesaĝo, kaj same faris la edzo tuj malantaŭ ŝi.

— Vidu nur! — li mirige turnis sin al la edzino. — Tiu, kiu venas estas Doroteia!

Kaj sin ĵetante de la pordo eksteren, li kriis al ili:

— Ne estas vi! Estas via fratino! Kion diable vi estas faronta ĉi tie?!

Per du vangofrapegoj li punis sian filinon. — "por ke ŝi lernu transdoni mesaĝon".

Sed Doroteia sin intermetis: "Ana ne kulpas. La fratino estis sendanta ŝin por kunporti la bebon, ĉar Brites, malsaneta, ne povis elteni vesperroson".

— Krom se vi volas mem suĉigi lin. — ankoraŭ insistis José Grilo ĉe Doroteia, nerespekteme pri ŝia virgeco.

— Ho, José!... — la edzino riproĉis — Tio eĉ ne ŝerce!...

— Mi ne scias, ĉu "eĉ ne ŝerce". Mi scias nur, ke la alia ne venis. Jen ŝi kunportos, jen ne kunportos la bebon, jen ŝi alvenos, jen ne alvenos ĉe Varandas, ĝis tie eblas, ke la etuleto malsatmortu!

Tuj la virinoj ekprenis la infanon, prodigante al ĝi komforton kaj mil karesojn.

Kaj la viro de la pordo:

— Nu, ĉu vi venas aŭ ne?...

Kaj kiam la virinoj poste alvenis:

— Lerteme, he!...

… Eĉ ŝajnis, ke Doroteia estis kunportanta la Plejsanktulon, kaj ke la du aliaj, varmigante lin ankoraŭ ĉebruste, preĝis la Benplenulon.

Kaj kiam la filino de Varandas ekiris, José Grilo diris, rehejmiĝante:

— Ĉio estu pro la amo de Dio. Kies ajn ĝi estu, jen kristana animo.

Joana kaj la filino, kun la okuloj plenplenaj de larmoj, sin kisadis, dezirante bonan tagon unu al la alia.

— Bonan tagon, panjo!

— Bonan tagon, filnjo!

Kaj al la patro, memorante, ke ĉi tiun matenon ŝi ankoraŭ ne estis petinta de li la benon:

— Vian benon, patro.

— Dio benu vin.

… Sur la kampanilo la naskiĝanta suno orumis ĉe la angula eĝo, kaj sonoris la anĝelusoj…



## *Transmonto*

*Nordoriente en Portugalio, trans la montoj, burĝonas la mirinda regiono Transmonto. Jen dek naturaj fotoj prenitaj en 2004.*
*Protektita de siaj propraj montoj, la regiono trovis la modernecon post la konstruado de eta flughaveno kaj de sufiĉe larĝaj ŝoseoj. Nun eĉ interreto estas ĉiutaga realaĵo por la transmontanoj.*
*La montaro Marano (portugale: Marão), en intaj tempoj sen bonaj ŝoseoj, izolis Transmonton de la aliaj regionoj. Tiam, kaj ankoraŭ nuntempe, la transmontanoj asertas: "Post la Marano, ordonas la transmontano".*
*El tiu regiono migris granda homamaso al Brazilo. Plejparto ne revenis.*

***de João José Santos, teksto kaj fotoj***











www.esperantopt.com